# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 07/08/2015 Ducent dudeknaŭa eldono 07/08/2015 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**



**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Bob Felby**



**SENDATA AL 304** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj


**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

**Ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj" atingeblas je la suba adreso**

http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★




**Esperanto-ŝlosilo** Uzu, fordonu, semu Esperanto-semojn. Memoru ke ĝi celas esti propaganda libreto ne instru-libreto. http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo

★★★★★

# 82. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO



## Adjektivoj faritaj el Verboj. A.

Adjektivo farita el substantivo aŭ el adverbo kutime signifas "havanta ties karakteron". Do "somera" signifas "havanta la karakteron de somero" kaj "tuja" signifas "havanta la karakteron de tujeco". Sed, bedaŭrinde, adjektivoj faritaj el verbaj radikoj havas du malsamajn signifojn, kaj eĉ tri ĉe transitivaj verboj. La tri eblaj tute malsamaj signifoj estas la jenaj. Unue la adjektivo povas signifi la karakteron de la ago, ekz. "aŭda" signifas "koncerne la aŭdkapablon", kiel en "aŭda malsano", aŭ "aŭda malforteco". Due ĝi povas signifi ke la agon faras la difinata substantivo, ekz. "La sida maljunulino" = kiu sidas. Ĝi vere estas mallongigo de "sidanta". Trie ĝi povas signifi, ke la agon "suferas", ricevas, la substantivo kiel objekto de transitiva ago, ekz. "La espera rezulto" estas la rezulto esperat/ita.

Daŭrigota. Marcel Leereveld.



## Novaĵoj pri la Esperanto-Doma Gastdormejo

La **GASTDORMEJO** devas esti antaŭmendota de estontaj Esperantistaj gastoj.

Sendu ĉiujn petojn por resti en la gastdormejo al la Sekretario per retmesaĝoj al: gymea@hotmail.com; rspring@tpg.com.au; **kaj** nsw@esperanto.org.au;



Bettie Hart mortis. Ŝi estis bona Esperantisto kaj ano de EFNSK antaŭ kelkaj jaroj. Ŝi iris al multaj Esperanto - kongresoj ĉirkaŭ la mondo. Ripozu en paco.
Amike Roger

## Ĉi tiuj Semajnfinaj Esperantaj Kunvenoj ANZ-Esp-Kluboj

Elsendata ĉiun vendredan vesperon. Se vi reklamus vian venontan kunvenon ĉi tie, eble venus vizitantoj.



## La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas ĉiun trian Sabaton, la 1an de Aŭgusto venis Roger, Ian, Eunice kaj John. Bona Esperanta afero kaj vetero.

## Esperanto-Domo Sidnejo




Anoj kunvenas la unuan dimanĉon de ĉiu monato.
De la 13-a horo okazas amuza kunveno kun manĝeto por iuj ajn venintoj.

Hodiaŭ venis 8. Roger kaj Mei Springer, Jano Wylles, Richard Delamore, Dmitry Lushnikov, Ago Feitosa, Margaret Chaldecott, kaj Jim Couch (lastfoje venis dum 1971.)

Ĉar ĉiuj ne ĉeestis je la sama tempo, la kunveno estis disa afero. La aferkunveno konsideris nur gravajn aferojn kaj la amuzkunveno estis tri malgrandaj videaj filmoj kaj manĝo.

Lunda vespero EFNSK kunvenis por bonvenigi niajn koreajn gastojn, 10 homoj kunestis.




Intertempe jam estas pli ol 83,200 lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.https://www.duolingo.com/

## NI RESTU HONESTAJ!

Kiuj en Esperantujo reklamadas ke la gramatikaj reguloj de Esperanto ne havas esceptojn, sed kiuj mem enkondukas aŭ uzas nenecesajn esceptojn? Estas tiuj, kiuj plu uzas



sufikson "-i-" por landoj kiaj Francujo, Japanujo, k.t.p., kiu sufikso estas plurfoje escepto al gramatikaj reguloj Esperantaj. Ĉu estas sincera, diri al homoj ion kion oni mem ne praktikas?

Kompreneble tiuj kiuj ne scias, pro misinformo, ke "-i-" estas escepto, agas tute honeste, sed nur ĝis oni atentigas ilin pri la eraro. Fine sciante la fakton pri la escepteco de "-i-", oni devas esti honesta kaj uzi la Zamenhof'an alternativon -"uj-".

Ne utilas diri, ke vi uzas "-i-" ĉar aliaj Esperantistoj, ne sufice informitaj, uzas ĝin, ĉar ĉu vi ŝtelas ĉar aliaj ŝtelas? Kaj se la plejmulto ŝtelas? Ĉu same kiel en 1938-a Germanujo la plejmulto voĉdonis por Hitler? Bonestu ne forgesi vian respondecon zorgi, ke Esperanto ne fariĝu Angleranto  aŭ Franceranto! Kaj pardonu mian malkaŝemon!

Marcel Leereveld.

# Novaĵo sendita de Aŭstraliaj vojaĝantoj al la lilla U.K. 2015.

Richard ricevis diplomon de UEA   amike nicole



Universala Esperanto-Asocio

Per tiu ĉi

DIPLOMO

al

RICHARD DELAMORE

la Estraro de Universala Esperanto-Asocio premias lin pro

elstara agado

por la Internacia Lingvo Esperanto.

Lillo, 1 aŭgusto 2015

Prezidanto de UEA






Kun Jonny M kaj Ilia antaŭ la kongresejo. Sandor sendis la fotojn











2015-08-01

Karaj,

Mi sidas en la malferma ceremonio de la UK.

Du Aŭstralianoj estis speciale menciitaj.

* Richard Delamore pro sia bonega laboro por Esperanto-TV.

* Svetislav Kanacki pro 40-jara membriĝo al UEA

AEA gratulas al ambaŭ.

Amike, Sandor

# Aŭstralianoj okupadas Eŭropon

Antaŭ UK, Heather kaj Christine vizitis la Loire-kastelojn ĉirkaŭ kastelo Greziljono gresillon.org/s2, Dum UK, Nicole'n mi revidis unuafoje post IJK 1883 en hungara urbo Debrecen. Kun hungara Sandor mi ekparolis, sed ŝajne trafis samnomulon kaj konfuziĝis. Ne facilas kapti iun el la 16 aŭstralianoj inter la ĉ. 2600 UK-anoj. Pli facilos trovi la 3 aŭstralianojn

inter la malpli ol cento da SAT-kongresanoj en Nitra. Poste mi gvidos semajnon por infanoj kaj familioj en Greziljono, gresillon.org/s3, bedaŭrinde sen prelegantoj pri mirmekoboj.
Raportetas Bert Ŝuman

# Salutoj al ĉiuj membroj de edukado.net el la kongresa urbo Lillo.

Pri la dumkongresa agado de edukado.net vi povas legi mallongan raporton kaj vidi fotojn en nia lasta novaĵo ĉe http://edukado.net/novajhoj?id=559.




Mi sendas al vi ankaŭ apartan mesaĝon por atentigi vin pri la SENPAGA elŝuteblo de Esperanto-kurso "uTalk" per kiu oni povas lerni nian lingvon elire el 128 lingvoj.
La kurso uzeblas pere de modernaj aplikaĵoj kiel saĝtelefonoj (iPhone) kaj tabulkomputiloj (tablet), se tiuj estas kapablaj uzi la programojn de AppStore.
Edukado.net helpis en la ellaborado de la Esperanto-versio kaj pro tio dum dektaga periodo, ĝis la 6a de aŭgusto ĉiu en la mondo povas senpage elŝuti la unuan parton de la programo. La kurso estas ne nur bona lernilo, sed ankaŭ tre valora reklamo kaj informilo pri Esperanto.
Bonvolu profiti de tiu eblo kaj disvastigi ĝin inter viaj konatoj kaj lernantoj.

Jen la ligo por la elŝuto: http://utalk.com/app.
Jen mallonga anonco pri ĝi: https://www.youtube.com/watch?v=k8VaYRyVBew
kaj pli longa intervjuo kun la direktoro de la entrepreno EuroTalk:
Viaj komentoj, spertoj kaj demandoj estas bonvenaj en la FORUMO:
http://edukado.net/komunumo/forumo?k=53

Salutojn al vi ĉiuj el Lillo:
Katalin Kovats, redaktoro



★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

Al la 100a jubilea kongreso de Esperanto aliĝis 2570 kongresanoj el 81 landoj.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Ĉi tiuj Semajnfinaj Esperantaj Kunvenoj ANZ-Esp-Kluboj

Elsendata ĉiun vendredan vesperon. Se vi reklamus vian venontan kunvenon ĉi tie, eble venus vizitantoj. Ne Forgesu, sendi informon.

# Mi trovis du interesajn bildojn

kaj kunmetis ilin kiel reklamon. Amike Roger Springer




